# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

*Centra Oficejo:*
c/ Rodriguez de San Pedro, 13. 3°. p-7.
28015 MADRID
Tel: (91) 4-46-80-79

*Prezidanto:*
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780 SANTIAGO DE COMPOSTELA
Telefono kaj fakso: 981-59-80-05

*Sekretario:*
Manuel López Hernández
Apartado 369
41080 SEVILLA

*Vicprezidanto:*
Alberto Franco Ramirez

*Vicsekretario:*
Luis Gil Pérez

*Estrarano pri kontado (kasisto):*
José Mª Bernabeu Franco
Gral Primo de Rivera, 6
03360 CALLOSA DE SEGURA
Alicante
Konto:
Ctta Ahorro n° 83100-272 de Hispana Esperanto Federacio en Banco Español de Credito en Callosa de Segura.

*Libroservo de HEF:*
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

*Fundación Esperanto*
Sekretario: Enrique Piquero
San Vicente de Paul,1, 1°.
50001 ZARAGOZA

*Junulara Sekcio (HEJS)*
Prezidanto: Iñaki Gauna
Domingo Beltran, 42, 4° D.
01012 GASTEIZ-VITORIA

*Ĉef-redaktoro de Boletín:*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj:*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz

## ENHAVO



*Kovrilo:* Skulptaĵo de romia Teatro de Merido.
*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.




# Mérida atendas nin ĉiujn

## Invito al kongreso

Laŭ tradicio en niaj kongrespreparoj, jen via prezidanto, nome de la estraro, havas plian okazon inviti vin ĉiujn al nova kongreso, ĉi-foje en la fama urbo Mérida.

La estraro opinias, ke la nova kongreso jam montriĝas altira tiel pro sia rekte ĝuinda, valora enhavo, kiel pro la taskoj kritikaj, organizaj kaj de ĉiutipa kunlaborado kaj helpado kiujn ni devas plenumi kaj starigi dum la kongresaj tagoj.

Fakte, organizado de la estonta Universala Kongreso, de la unua sesio de Preuniversitataj Kursoj, enradikigo de Fundación Esperanto, firmigo de kunlaborado kun la portugala amikaro, firmigo de niaj lirikaj festoj, vigligo de HEJS, varbado kaj informado ekster la movado, funkciado de nia Federacio, eldonado, ktp., ktp., konsistigas amason da farendaj kaj fareblaj taskoj, kiuj nin atendas, kaj postulas nian adekvatan atenton!

Jen kial mi ripetas mian varman inviton al nia kongreso kaj al ĝiaj laboroj, kun forta espero ke la invito ne restos seneĥa.

Elkore via

*Antonio Alonso*
*HEF-Prezidanto*

Aldonaĵoj:

Mi petas ĉiun HEF-anon, ke li/ŝi bonvolu trastudi la provizoran programon, kaj sendi al mi ĉian sugeston pri pliriĉigo de la enhavo, pri pli bona ordigo aŭ horaro k.s. Antaŭdankon.

Mi petas ankaŭ, ke ĉiu bonvolu relegi la trafan devizon "For la mizeron!" per kiu ĝojige surprizis min nia Boletín, kaj ke li/ŝi prezentu siajn sugestojn rekte en la kongreso (aŭ per letero al la estraro), tiel rilate la financan vidpunkton, kiel pri forta kunlaborado de ĉiuj anoj al niaj komunaj celoj.

---




## FELIĈAN JARON 1992!

La Prezidanto kaj Estraro de HEF, same kiel la Redakcio de Boletín, esprimas al ĉiuj plej sincerajn bondezirojn okaze de la nova jaro.
Sukceson en via poresperanta agado, kaj feliĉan jaron 1992!




Ĉio iras glate, kvakam ankoraŭ granda laboro defie staras antaŭ ni. Sed nia revo estas pli granda ol la laboro. En Valencio la tuta Esperanta Movado komencis agi kun granda entuziasmo. Bedaŭrinde, krom kelkaj sceptoj, la samideanoj de aliaj regionoj ne reagis same. Malmultaj sin proponis ĝis nun por kunlabori en la organizado de la UK. Tamen la kongreso okazos, kaj la helpantoj povos ĉiam fieri pri sia kontribuo al kongreso historia, neripetebla kaj, danke al ili ĉiuj, sukcesa.

Lastatempe la LKK komencis ricevi apogojn, ne nur de la oficialaj instancoj, nome Urba Konsilantaro, Konsilanto de kulturo, kpt., sed eĉ de entreprenoj kiaj vojaĝagentejoj, ONCE (por la kongreso de la blinduloj), bierfabriko EL AGUILA, banko BANESTO, Turisma Instituto de Valencio, Urba Konsilantaro de Cheste, ktp.

Cetere, la LKK sendis invitleteron al Reĝo Juan Carlos petante ke li akceptu esti la Alta Protektanto de la Kongreso. Baldaŭ okazos rendevuoj kun la urbestrino de Valencio, la urbaj skabenoj de Kulturo kaj Edukado, la direktoro de la Valencia Instituto de Turismo, la Konsilanto de Kulturo, Edukado kaj Scienco de la aŭtonoma registaro, Generalitat, de Valencio, la Rektoro de la Universitato, la Urbestro de Cheste, la direktoro de la lernejo La Salle (por la Infana Kongreseto), kaj aliaj.

Same oni komencis la demarŝon por atingi, interalie, la senpagan uzadon de la "Palaco de la Muziko", kio estus grandega sukceso, ĉar unusemajna luo kostas dek milionojn da pesetoj, la eldonadon de turisma broŝuro pri Valencio en Esperanto, la reeldonon de la turismaj broŝuroj *"Hispanio"* kaj *"Madrido"*, la eldonon de afiŝoj de la kongreso, la pagon de la giganta *"paella"* fare de iu entrepreno, la permeson uzi la Laboran Universitaton de Cheste por la malmultekosta loĝado de la kongresanoj el malriĉaj landoj: ni petis al la Konsilantaro de kulturo kvar milionojn da pesetoj kiel subvencion. Kompreneble, la LKK daŭre zorgas pri loĝado, ekskursoj, bankedo, dokumentoj, kongresa temo, Infana Kongreseto, Kongreso de ILEI, dumkongresaj manĝoj, kulturaj kaj artaj aranĝoj dumkongresaj, Antaŭkongreso (preskaŭ certe okazonta en Katalunio), Postkongreso (eble en Murcio), postkongre-

saj ekskursoj, Internacia Universitato. Ekestis jam kontaktoj kun RENFE kaj Iberia, kaj komenciĝis la demarŝoj por atingi oficialan poŝtmarkon, ktp. ktp.

Pri la monkolekto por ekhavi la garantian kapitalon postulatan de UEA, ni publike devas nepre danki la malavarecon de kelkaj samideanoj, valenciaj kaj ne valenciaj, kiuj ankaŭ deziras volonte kunlabori kun la LKK, ĉar ni izolite ne kapablas ĉion fari.

La mono ricevita ĝis nun estas 543.000 pesetoj, sumo evidente nesufiĉa, ĉar ni deziris havi almenaŭ unu milionon kiel Garantian Kapitalon, kaj alian milionon por salajri kapablan esperantiston kiu laboru dum la tuta kongresjaro nur por la kongreso, precipe en administraj taskoj, ĉar UEA ne plu sendas al la kongresurbo, kiel antaŭe, la Konstantan Kongresan Sekretarion por unujara deĵorado, kaj la tuta laboro devas esti surloke farita de la LKK. Do mankas ankoraŭ 1.507.000 pesetoj por plenumo de tiu postulo. Multe, ĉu ne?. Sed ni estas optimismaj. Ekzemple: kvankam ne tro ofta venis anonima donaco de 100.000 pesetoj ricevitaj en Junio.

Kiel ĉiam, ni certas ke la helpo de la hispanaj samideanoj venos!

Sendu vian kontribuon al: **Grupo Esperanto de Valencia UK-93.** / Cuenta Corriente num.3100537732. Caja de Ahorros de Valecia.-Urbana 069 Marchalenes. c/ Málaga, 37..- 46009-VALENCIA.

*Augusto Casquero*

---




La renovigita Patronaro de FUNDACIÓN ESPERANTO kunsidis du fojojn en 1991, laste la 15an de novembro, cele al aktivigo de sia agado. Inter alie, vi povas konstati tion per la diskonigo de literatura konkurso por 1992, la kampanjo por aĉeti komputilon, jam nun je la dispono de la redaktoro de *Boletín*, la varbado por HEF kun *Don Kiĥoto*, ktp. Laŭplane, vi daŭre trovos pliajn sciigojn pri la klopodoj de la fondaĵo rilate al informado kaj agado. Artikoloj kaj anoncoj montros la novan vojon elektitan, kaj dumkongresa prezentado ebligos, ne nur aldonan informadon, sed ankaŭ pozitivan diskutadon por ke FUNDACIÓN ESPERANTO estu kiel eble plej fekunda instrumento, je la servo de la esperanta komunumo.



# 52ª Hispana Kongreso de Esperanto

## Provizora programo

En ĵaŭdo,30a de aprilo.- Akcepto de gekongresanoj. Privata kunsido de la Estraro. Komenco de E-kurseto. Prelego (A. Alonso):Demografiaj perspektivoj en nia epoko. Malfermo de Libroservo. Prezento de la Kongreso al ĵurnalistoj (kun skriba informo de nia Estraro).

En vendredo, **1a de majo**.- Privata kunsido de la Estraro. Kunsidoj de HALE, ILEI, HEJS. Prelego (L.Serrano): Alitipa legado de Don Kiĥoto. Oficiala malfermo de la Kongreso. Hispanlingva, publika prelego pri Mérida. Novaj libroj, kaj la ludoj per vortokartoj "Motnaip" (hispana) kaj "Vorto-mozaiko" (japana). Provleciono el kajeroj por Preuniversitataj Kursoj. Hispanlingva, publika debato pri la internacia lingvoproblemo. Akordionkoncerto. Folklora grupo. Nokta rok-koncerto (fare de "Solo").

En Sabato, **2a de majo**.- Pri Fundación Esperanto. Pri la Internacia Kongreso en Valencia, 1993. Ĝenerala Kunveno (kun studo kaj eventuala aprobo de la raportoj financa, de Libroservo, ĝenerala, ktp). Fermo de la E-kurseto kaj de Libroservo. Ekzamenoj. Fermo de la Kongreso (kun liverado de diplomoj, de premio Klara Silbernik, ktp). Portugala gitarludado kaj "fadoj". Dua Lirika Festo de HEF (poezio kaj koruso "Verda Stelo", sub la gvido de M.Fernández kaj P. Vilaroig). Oficiala Bankedo.

En mateno de dimanĉo, **3a de majo**.- Religia servo. Vizito al muzeoj kaj urbo.

Aldonaĵo.- Iam dum la Kongreso oni informos pri eventuala postkongresa vizito al Portugalio, kaj aliaj aranĝoj tie.

Cetere, ĉiuj kongresaj eroj estos libere alireblaj de la publiko, kaj pri tio ni anticipe informos pere de ĵurnaloj, radio, televido).

# Viglas la movado



### Esperanto anstataŭ la latina, kaj pli da demokratio

En la Sinodo de katolikaj episkopoj ĵus okazinta en Romo, en la sesio de la 29a de Novembro 1991, la ĉef-episkopo de Alba Julia, la rumano Giorgi Jakubini deklaris: "ke la Eklezio devas montri sian supra-nacian karakteron adoptanta supra-nacian lingvon kiel estas Esperanto, konstatite la nevivanteco de la latina". Siaflanke, la finna episkopo Paul Verschuren, prezidanto de la skandinava katolika episkoparo petis en sama sesio pli da demokratio por la Eklezio: "la Sinodo limigus maljuste la problemon pri libero se oni konsiderus ĉi tiun kiel aferon nekoncernantan al si mem".

Kvankam tiuj opinioj estis disvastigitaj per la Internacia Agentejo EFE, nur malmultaj hispanaj ĵurnaloj publikigis ilin.

### Bordeaux, 47a Kongreso de SAT-Amikaro

De la 17a ĝis la 21a de Aprilo okazos tiu ĉi kongreso sub la devizo *"De Mozart ĝis Eurokka, Muziko kaj Esperanto:kompliceco de du internaciaj lingvoj"*. Riĉa kultura programo, kabareto, rokkoncerto, ekskursoj, Esperantokursoj,ktp. Aliĝoj bonvolu sendi al: Francois SENDREY / 171 rue Salvador Allende / F-33130 BEGLES.

### La Papo parolis en Esperanto

Dum sia publika parolado en Czestochowa (Pollando) antaŭ unu miliono da gejunuloj el la tuta mondo, la 15an de aŭgusto 1991, la Papo Johano Paŭlo II eldiris jenan mesaĝon en pluraj lingvoj, inkluzive en Esperanto. En la komenco de sia parolado li diris: "Mi donas ankaŭ en Esperanto bonvenan saluton al la junaj pilgrimantoj el la tuta mondo, en ĉi tiu tago de universala frateco, kiu vidas nin unuigitaj kiel filoj de unu sama Patro en la nomo de Kristo, vero de la homo!" Kaj ĉe la fino: "Karegaj junuloj! La sperto de kredo, travivita ĉe la piedoj de la *Nigra Madono*, restu neforigeble gravurita en viaj koroj. Sanktega Maria akompanu vin!"

Se oni konsideras la moralan pezon de la evento kaj ĝian propagandan valoron por Esperanto, verŝajne temas pri unu el la plej elstaraj sukcesoj de la internacia lingvo en ĝia historio. (HdE 1-9-91).

### Barcelono, Karavano al Merido

Okaze de la 52a Hispana Kongreso de Esperanto okazonta en Merido,

niaj katalunaj samideanoj jam organizas karavanon kies celo estas ne nur partopreni la kongreson, sed ankaŭ viziti Lisbonon kaj Seviljon. Eliro la 29an de Aprilo. Reveno la 6an de Majo. Informoj en "Barcelona Esperanto-Centro".

### Expolingua habana-92

Internacia konferenco kaj foiro pri lingvoj, tradukado kaj plurlingva komunikado. Konferenco por ĉiuj kiuj interesiĝas pri instruado, disvastigo kaj aplikado de fremdaj lingvoj. Informado: Nacia Kapitolo / Poŝtfako 2014 / LA HABANA.

### Botaniko

kiel sekvojn al la monumenta gvidlibro *Likenoj de okcidenta Eŭropo* (1985), aŭtoroj G. Clauzade kaj C. Roux daŭre aperigas kompletigajn studojn en Esperanto. Krom dua libro, *Nelikeniĝintaj fungoj likenloĝaj* (1989), ili publikigis aron da referaĵoj kaj tri suplementojn en Bull. Soc. linn. Provence. Por detaloj, mendoj ktp. kontaktu la aŭtorojn: G. Clauzade / rue des Pinsons / F-84300 Cavaillon / Francio.

### MEL
### Asocio de Publika Utileco

La madrida urbestraro, en plena kunsido okazinta la 19an de novembro 1991 laŭ la 87 punkto de la tagordo, donis al Madrida Esperanto Liceo la statuson de Asocio de Publika Utileco. Tiel MEL fariĝis la unua E-asocio, kiu atingas tiun rekonon.

---

### JARABONOJ KAJ KOTIZOJ

**"Boletín"**, organo de HEF.- Dumonata (escepte dum somero)

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto | 2.000 Ptoj |
| Emerito, junulo, senlaborulo | 1.500 " |
| Asocio aŭ Grupo | 4.000 " |
| Dumviva membro | 50.000 " |

Eksterlanda abono de la revuo: 35 gld. (aŭ ekvivalento)

Atentu, se vi uzas la kontonumeron de HEF ĉe Caja Postal num. 14.011.966, vi ne pagos aldonan koston. Memoru ke vi povas pagi ne nur en Caja Postal, sed ankaŭ en ajna oficejo de la Poŝto en urboj kaj vilaĝoj. Ankaŭ eblas kotizi al la Kasisto: José Mª Bernabeu Franco (Cuenta Ahorro de HEF en Banco Español de Crédito num. 83100-272 en Callosa de Segura (Alicante).

**"Esperanto"**, organo de UEA.

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto (kun Jarlibro kaj revuo) | 3.900 Ptoj |
| Juna membro-abonanto (kun Kontakto) | 3.900 " |
| Membro kun Jarlibro (ne la revuon) | 1.560 " |
| Membro kun Gvidlibro (minimuma kategorio) | 625 " |
| Dumviva membro (MA dumvive) | 97.500 " |
| Aldona kotizo por Societo Zamenhof | 7.800 " |
| Monato | 3.000 " |
| La jaro 1992 | 375 " |
| Literatura Foiro | 3.100 " |
| Norda Prismo | 1.400 " |

Peras S-ro Juan Azcuenaga Vierna; Gral.Dávila, 127, Portal 7. 2°. izq. 39007-SANTANDER (Cantabria).Bankkonto en Caja Postal Ctta. num.0454.85.31.

**"Sennaciulo"**, ĉiumonata organo de SAT.

| | |
|---|---|
| Plena jarkotizo de SAT-membroj | 2.500 Ptoj |
| Helpa jarkotizo de SAT | 5.000 " |
| SAT-kotizo por emeritoj | 1.875 " |
| Familianoj, junuloj, senlaboruloj | 1.250 " |
| Abono nur la revuo | 1.875 " |
| **"Sennacieca Revuo"** | 465 " |
| HALE-membroj (ankaŭ SAT-anoj) minimume | 500 " |
| Jarabono **"Kajeroj el la Sudo"** | 800 " |

Peras S-ro RAMON MANAU TORRES; c/Montseny, 5; piso. E-08208-SABADELL (Barcelona) Hispanio.
aŭ al la konto en Caixa de Pensions, Oficina 461. Lta.171-29 SABADELL (Barcelona).

**"Heroldo de Esperanto"**, sendependa gazeto.

| | |
|---|---|
| Jarabono | 2.250 Ptoj |

Peras Luis Serrano Pérez; Font Nova, 32; E-08202-SABADELL (Barcelona) Hispanio.

**Lingva**  **Angulo**

## PRI LA PARTICIPOJ

Kvankam la Akademio de Esperanto jam trafe decidis antaŭ longe pri la t.n. AT-ismo- Tempismo, mi tamen opinias ke estas necese reinformi la legantojn pri la Zamenhofa uzado de la participoj, pro la obstineco de pluraj samideanoj, kiuj ŝirmante sian fidelecon per laŭdoj al genio de Zamenhof, fakte nur subfosas la Fundamenton de lia verko.

La prezenco ne ekzistas, ĉar ĝi estas fluanta punkto. Kiam ni diras NUN! ĝi jam ne estas nuna. Prezenco estas nur koncepto koncernanta ĉu momenton, epokon aŭ ripetiĝon de ago. Oni diras:"Nun batas la sesa horo" ĉar la batoj ne finiĝis;"Eŭropo preparas sian unuiĝon" ĉar la preparado plu daŭras; "Li perdas la ŝlosilon", ĉar jam plurfoje li perdis ĝin kaj eble plu perdos.

De tio sekvas ke ANT kaj AT estas signoj de *okazantaj agoj* komencitaj kaj ankoraŭ nefinitaj; sed ne de tempoj, kaj tial neuzeblaj por agoj ne percepteblaj pro efemereco. La frazoj:"Li estis renversata de aŭtomobilo" kaj ĝia paralela "La aŭtomobilo estis renversanta lin", kaj la samspeca "Li estis mortigata de eksplodanta gaso" estas malrealaj fikciaĵoj sensignifaj kaj fremdaj al Esperanto. Tial, uzi prezencon por agoj ne havantaj ĝin, estas mallogike. La frazoj: *La propono estis aprobata, bobelo estis krevanta, la horloĝeta kovrilo estis fermata, vitra botello estis rompata, ponto estis falanta, ŝtelisto estis kaptata, la nomo estis forgesata,* k.m.s. estas mallogikaj kaj malrealaj ĉar oni neniam vidis krevantan bobelon, falantan ponton aŭ rompatan vitraĵon. Kie la prezenco en ili?

En la hispana mi aŭdis:"El proyecto *está siendo* estudiado" (=La projekto *estas estanta* studata) kies signifo estas "La projekto estas studata". Tiu verbaĵo *estas estanta* indikas la nefinitecon (=la AT-econ) ĉar la participa *estudiado* estas neŭtra en la hispana. Tial nia pioniro Ŝvarc, kiu per sia spriteco helpis naturigi kaj maturigi Esperanton, diris sentence: "Se re kaj re...aŭ Plu kaj plu,...uzu ATA; se...definitive!...uzu ITA". Zamenhof diris:"Mi sciigas, ke de nun la ŝuldoj de mia filo ne estos *pagataj* de mi" (unu post alia, la ago daŭras); sed "Estu trankvila, mia tuta ŝuldo estos *pagita* al vi baldaŭ (definitive).

Ĉar estis...ANTA kaj estis...ATA signifas ke la ago ne estis finita, sed ankaŭ ne signifas ke ĝi sekve devis nepre finiĝi, ili ambaŭ kiel signo de prezenco neniam inkludas finitecon, ĉar ago prezenca ankoraŭ ne ĉesis.

La participoj, kie sufiksoj estas nur epitetoj, kaj nenio faras ilin verbaj: Pomo dolĉa, manĝinda, manĝota, manĝebla, manĝata, manĝita...kie la verbeco?

Ni veturis per aŭtomobilo, ĝi paneis, ni vokis ripariston kiu tuj riparis ĝin kaj tial ni povis plu veturi. Aŭtomobilo riparata estas tiu, kiun *oni estas riparanta* do, ne uzebla. Per riparita (=ago finita) oni povas veturi.

La konflikto venas de la pasiva formo de la aktiva "Oni (ripar) is" kiel perfekta ago[1]:"Li riparis la maŝinon" =La maŝino estis...riparita, (ne riparata) ĉar temas pri perfekta ago; sed "La maŝino estis riparata"(=komencita kaj ne finita) kiam la lumo estingiĝis; kaj "Ŝi estis frizata (plu kaj plu) kiam ŝi svenis; sed "Li malbenis la tagon en kiu li estis naskita"[z]= definitive.

Por perfekta ago aŭ ĝia rezulto (=stato) Zamenhof diris *estis ITA*, komprenebIe, ĉar ne plu prezenca. Oni ne miru: En Esperanto ne estas tia participo aktiva por diri *ke ŝi svenis* kiam si estis frizata, ĉar nek *ŝi estis svenanta* nek *ŝi estis sveninta* taŭgas, pro daŭro la unua, pro antaŭeco la dua.

Konklude, se iu laŭ sia logiko volas kredi ke prezenca ago inkludas finitecon, tiu kredu ĝin; sed tiu ne manĝos la bakatan panon (ankoraŭ en la forno), nek loĝos en la domo kiu *estis konstruata* por li (oni estis konstruanta ĝin) ĉar kiel dirite, ne validas la supozo ke la domo sekve kaj nepre elkonstruiĝis poste: Pro financa kraŝo ĵus ĉesis la konstruado kaj la domo restis ne finita.

Memoru la sentencon de nia neforgesebla Ŝvarc: Se re...kaj re.. aŭ Plu...kaj plu,=ATA. Se...unufoje, definitive...= ITA.

*Salvador GUMÀ*

(1) Etimologie, "perfekta" signifas elfarita, plene farita.

---

# LA NEOLOGISMO "HOLOKAUSTO"
## KONTRIBUAĴO AL LA REVIZIATA P.I.V.

**Korektado kaj modifo de la enhavo de Plena Ilustrita Vortaro.**

La Plenum-Komitato de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) nuntempe entreprenas korektadon kaj modifon de la enhavo de *Plena Ilustrita Vortaro (PIV)*. Respondecas pri la leksikografia laboro Prof. Michel Duc Goninaz, membro de la Akademio de Esperanto. Krom korektado de komposteraroj kaj ĝustigo de eraroj en difinoj, li sendube okupiĝos ankaŭ pri la alpreno de multaj neologismoj. En tiu ĉi

artikolo mi deziras proponi por registrado en la reviziata versio de PIV la neologismon "holokaŭsto", kiu lastatempe aperis en pluraj Esperantaj publikigaĵoj. Mi ne nur prezentos la vorton kaj ĝian difinon sed ilustros ĝian uzon en citaĵoj kaj provos spuri ĝian historion en Esperanto, tiel pravigante ĝian inkludon en PIV.



Jam en 1975 Julius Balbin verkis poemon titolitan "La Vorto", en kiu li demandis, kial "holokaŭsto" ne estas registrita en PIV. Dek du jarojn poste ĝi ankoraŭ ne trovis lokon en *Suplemento de PIV*, publikigita en 1987. Tamen, samjare alia vortaristo, Rikardo Ŝtalo (pseŭdonimo de Richard Stahl) inkludis ĝin en sia *Ĉiutagaj vortoj kun difinoj* kun la sekva difino: "gentocido per fajro, forbruligo de amasaj viktimoj, alikredantoj k.s.". Mi trovis "holokaŭsto" ankaŭ en la pli frua angla-esperanta vortaro de Fleming Fulcher kaj Bernard Long, kies tria eldono aperis en 1963. Estas rimarkinde, ke la kompilintoj ne listigis "holokaŭsto" en la apendico de sia vortaro, kiu enhavas neologismojn kun difinoj. Tio plej verŝajne signifas, ke iu ekuzis ĝin pli frue, sed ĝis nun mi ne sukcesis akiri pli da informoj. Du planlingvoj, kiuj pli frue alprenis la vorton estas Novial (1930) kun la formo *holokauste* kaj Ido, kiu akceptis *holokausto* en 1911-1912. Neniu obstaklo ekzistas kontraŭ la formo "holokaŭsto" en Esperanto, ĉar ĝi konformas al la 15-a regulo de la Fundamenta gramatiko. Ekvivalentoj en etnolingvoj estas A. *holocaust*, F. *holocauste*, H. kaj Port. *holocausto*, I. *olocausto*, G. *holocaust* kaj malfrulatina *holocaustum*.

**Uzo de "holokaŭsto" en kuntekstoj.**

La sekvaj citaĵoj ilustras la uzon de la vorto "holokaŭsto".

a. "Robert Faurisson (...) atestis, ke la populara kredo, ke 6 milionoj da judoj estis murditaj dum la "holokaŭsto", estas rezulto de onidiroj (...)" (*Monato*, 5/1985:12).

b. "La usona radio (...) ne elsendis eĉ unu vorton pri la holokaŭsto kaj pri la ribelado de la getooj" (*Monato* 6/1985:11).

c. "La ekskursantoj (en Jerusalemo) vizitis la muzeon de la holokaŭsto, la parlamentejon kaj la malnovan urbon" (*Esperanto*, oktobro 1986:164).

Estas rimarkinde, ke neniu redaktoro glosis la vorton "holokaŭsto", plej verŝajne, ĉar li opiniis, ke ĝia signifo estas komparebla fare de la legantoj.

**Difino**

Mi proponas la sekvan kvarpartan difinon de "holokaŭsto" por registrado en la reviziata PIV.

**holokaŭst/o**

1. (religio) brulofero, fajrofero, forbrulig(aĵ)o.
2. (figure) iu ajn totala ofero aŭ detruo (ne nepre per bruligado aŭ okaze de religia ceremonio).
3. genocida amasmurdo, precipe per bruligado; violenta kaj grandskala pereigo de homoj.
4. (historio) la ekstermado de eŭropaj judoj dum la periodo de nacisocialismo.

*Bernard GOLDEN*

---



Okaze de la lastaj kristnaskaj festoj, esperantista poeto elvokis infanajn memoraĵojn kaj tiel bele kantis la magion de pasintaj kristnaskaj horoj:

**TIAMAJ KRISTNASKOJ**

Refreno:
Susuru ŝaŭmsusure,
enpaŝu flirte, flustru, softe kantu,
ke l' rememoro lule
en mia frunt' ekdormu kaj konstantu.

Kristnaska rememoro:
ĥimero el nugat' kaj marcipano,
nutraĵo por la koro
kotona de l' infano,
sturmata de perforto kaj senamo.

(Refreno)
II
Kristnaska akvaforto:
vatitaj montoj, ŝtipkabano, valo
kaj l' Betleĥema korto,
sen spuroj de l' batalo,
kiun la viv' signifas en realo.

(Refreno)
III
Kristnask' bub-aĝa: kirlo
da prujne puraj ĝuo kaj magio
for de l' reklama lirlo,
mensog' aŭ transakcio
far komercistoj pri la fil' de dio.

(Refreno)
IV
Kristnask' bub-aĝa, restu
ade en mi krist-arb' iluminita,
ke l' puro brile nestu
fronfe al ĉio hida
en ĉi kalplena kor' tener-avida.

(Refreno)

*Miguel Fernández Martín*

# ELVOKANTE NIAN LIRIKAN FESTON

## Hodiaŭ Georgo Kamaĉo



Kiel daŭrigo de nia resumo pri la memorinda Lirika Festo okazinta kadre de nia pasinta kongreso en La Laguna, honore al Prof. Don Juan Régulo Pérez, ni publikigas hodiaŭ la kompletan poemon de Georgo Kamaĉo deklamitan en la dua sesio de la menciita Festo. Emociiga estis la prezento de ĝia aŭtoro fare de la direktoro Miguel Fernández Martín, bona amiko de la poeto, pri kiu li, koncize kaj trafe diris: "Georgo Kamaĉo, verkisto de la kapo ĝis la plandoj, fajna esploranto de la vortaj profundoj kaj harmonoj, originala elvokanto de avangardaj prezentoj de la belo"...

Sed ni lasu momente la estetikajn esprimojn de la protokolinto kaj, aperta la koro, ni aŭdu en la fundo de ni la resonojn de la belaj strofoj de la juna valoro de nia liriko:

**Mi**

mi volus diri, ke mi nun enuas
la mondon, ke la vivon mi ne ĝuas.
ke ĉio molas kiel milda vintro,
ke tedo kaj rutino kontinuas
kaj daŭras, daŭras jam de longe.
                                        tamen
mi sentas, ke mi ien evoluas,
aŭ mi almenaŭ kovas ĉi esperon.
de kiam?
          de hodiaŭ.
                              mi konstruas
ĉion, kion frakasis miskomprenoj,
sed mi konstruas lante.
                                   mi situas
meze sur reto el rilatoj velkaj
aŭ feblaj aŭ sensencaj, mi detruas
la ligojn vanajn, kaj kun volo, emo,
la indajn mi plezure asiduas.
ne multas tiaj ligoj, tiaj homoj,
kaj iam ankaŭ ili ekvanuas
tre lante, svage...

adiaŭ mankas,
tre baldaŭ eĉ memoroj ambiguas,
memoroj, tiuj dolĉaj putinidoj,
memoroj, kiuj blanke plenvakuas.
jen mi rigardas supren, internuben,
kaj mi konstatas, ke ĉielo bluas,
ke suno, luno venos iam lumi,
ke subĉiele mia urbo bruas
kaj oni miaurbe.
ke mi mem
ne povas tion nei: vivo pluas.
emo kaj volo, kie vi vin kaŝis?
revenu tuj!
ne plu mi vin tabuas.
mi fartas viglon re, mi fartas vivon,
sangon mi fartas, ĝi en vejnoj fluas...
jes, nova ŝi aperas.
kiam?
kie?
ne gravas; ŝia esto min influas
instige, veke.
kreskas intereso,
kontaktoj, ni pli ofte rendevuas,
ni iĝas geamikoj (stranga vorto),
ni unu la alian intervjuas.
jes, estas bone tiam vidi klare
ke mia viv' sinuas kaj fluktuas.
mi tamen timas: ie sub konscio
embuskas kaj batuas fantazio.

Kiel niaj legantoj bone scias, Georgo Kamaĉo ne plu estas Nova Talento laŭ estis proklamita pasintjare kiam li prosperis akapari ĉiujn unuajn premiojn de la "Belartaj Konkursoj UEA-1990", ĉar li estas ja *Konstanta Talento* de nia Liriko kaj plej granda espero de nia Literaturo.

*La redakcio*

**Forpasis Prof. G. Waringhien**

La 20an de decembro forlasis nin por ĉiam Prof. G. Waringhien, lasinte nekontesteble profundan spuron en nia lingvo. Li havu nian plej sinceran omaĝon.

# Poetoj de Al-Andalus.

## MOSE IBN EZRA

Poeto kaj beletra antologisto naskiĝinta en Granado ĉ. 1060. Li Apartenis al influhava familio kaj ricevis tre kompletan araban kaj hebrean edukadon (tiun ĉi lastan de la talmudisto kaj gramatikisto rabeno R. Isháq ibn Gayyát).

Protektate de la lasta reĝo de la Granada tajfo Abd-Alláh, Mósé ibn Ezra ĝuis plaĉan facilan vivon en la kortego de tiu reĝo, ĝis almoravidoj[1] invadis kaj konkeris Granadon kaj komencis persekuti kristanojn kaj judojn. Al tiu periodo de lia vivo en la kortego sendube apartenas liaj profanaj poemoj plej belaj: amaj, bakkaj kaj panegiraj, kiuj montras fortan araban influon same en la formo kiel en la temaro.

Ĉirkaŭ la jaro 1095, Mösé ibn Ezra translokiĝis al la kristana Hispanio, kie li restis ĝis sia vivofino, loĝante en Estella, Zaragozo, eble Barcelono, kaj Toledo, danke al la mecenateco de simpatiantoj de poezio aŭ de judoj, sed ĉiam revante dum sia vagado iam reveni al Granado.

Liaj poemoj religiaj aŭ profanaj, eĉ tiuj verkitaj en la hebrea, konservas la araban influon kiun ni menciis, kaj oni opinias, ke liaj profanaj versoj estas la plej bonaj el tiuj de la poetoj tiam loĝantaj en Al-Andalus (Iberio). Inter la kolektoj plej interesaj elstaras tiu de "**La libro de la koliero**", konsistanta el 1260 versoj prinomaj, konsiderataj kiel vera antologio el diversaj genroj (bakka, ama, elegia, flora, ktp.) kutime uzataj en tiu epoko de la arabaj poetoj. Cetere, ankaŭ menciindas liaj amaj poemoj kun ĥarĉoj[2], kelkfoje en la araba aŭ ofte en la romanca[3].

Liaj profanaj poemetoj estas admirindaj delikataj gemoj disradiantaj helojn de pura beleco pri ne gravas kio. Poemetoj riĉaj je bildoj kaj teneraj nuancoj.

NI RIPOZAS SUR LA BEDO

Ni ripozas sur la bedo
kie floras blankaj mirtoj
sub la frondo kaj protekto
de arbustoj kaj folioj
ĝis la vento de l' mateno
rompas la trankvilan vivon,
kunportantan la kareson
de la milda kant' de l' birdoj.



RIGARDO AL STELARMEO

Mi rigardas stelarmeon,
kvazaŭ firmamentajn florojn,
ĝis la sunleviĝ-momento,
kiam blanka packolombo
kiel tag' kun brila helo
venas el sub nigra korvo.

La amaro de lia nestabila vaga vivo, la malriĉeco kaj soleco de lia ekzistado ekster la familio kaj naskiĝloko, profunde afliktis la poeton, kies doloro ne trovis konsolon kaj instigis lin mediti pri la efemereco de la vivo, kaj la mensogo de la teraj plezuroj. En tia etoso li ekverkis religiajn poemojn (pli ol 250), multajn aldonitajn poste al la ritoj de la sefardaj judoj, inter kiuj elstaras la pentaj. Rimarkindas en tiu religia genro **"La libro de la konsideroj kaj memoraĵoj"**, verkita en la araba, traktaĵo pripoetika, unika en la hebrea mezepoka beletro. Li verkis tiun libron celantan pruvi, ke en la Biblio jam aperis tiuj retorikaj figuroj uzitaj de la araboj. Kaj je la fina parto, li kritike historias la lirikon hispanan-hebrean. Jen unu el tiuj religiaj poemoj:



Kiam mi rigardas la ĉielojn, kre' el viaj manoj,
miaj pensoj levas min al vi, kaj per korokuloj
povas mi rigardi viajn majestecon kaj kreaĵojn.
La ĉielaj sferoj trairantaj siajn ĝirokursojn
en silento kantas vian gloron; nur per via amo
tenas vi la ŝnurojn de la ter' sen lim' en tempodaŭro.

Rapidege sun' eliras por tuj prunti kun afablo
sian helon al la luno, kaj la steloj kun abundo
kaj la firmamenta tendo kantas viajn virtajn agojn
kiuj disvastigas vian diparolon al fekundo...

Ĉu jam elĉerpiĝis la boneco kaj la dibalzamo?
Ĉu sekiĝis jam la fonto de graciaj diplezuroj?
Ĉu jam ne plu venas al ni voĉoj de konsol' kaj saĝo?
Ĉu ne plu balzam' el Gilead' ekzistas por la vundoj
de la homa kor', aŭ lerta kuracisto por svenantoj
kiuj klamas antaŭ via pord' por amo kaj indulgoj?

De lia verko **"Ĝardeno pri la metafora kaj la propra senco"**, prifilozofia neoplatona traktaĵo en la araba lingvo, apenaŭ restas nun fragmentoj.

Mösé ibn Ezra forpasis en la jaro 1135.

Antonio Marco Botella

(1)Almoravido: dinastio apartenanta al berbera gento, antaŭa al la tuarega, fondita de du fratoj, Yahya kaj Abu Bakr, en insuleto de rivero Senegal, kaj dum longe loĝanta en nordafrikaj dezertoj. La tribo ekspansiis ne nur suden sed ankaŭ norden, konkeris Marokon kaj fondis la urbon Marrakech, kiun ili

konsideris sia ĉefurbo. Kiam ili estis pli potencaj, ili invadis Al-Andalus (Iberio) en la jaro 1090.

(2)ĥarĉo: (el la araba jarija) nomo kiu ricevas la lastajn versojn sur la lasta strofo de la muvaŝaho. La egipta poeto Ibn Sanä al Mulik (1155-1211) en sia prilirika regularo difinante la "jarija" indikas, ke ĝi devas esti skribita en la araba vulgara aŭ en la lingvo romanco. Nur nome oni konis la harĉojn ĝis kiam Stern en 1948 malkovris dudekon el ili, kaj la hispano Garcia Gómez en 1952 malkovris dudek-kvaron. La unuaj skribitaj en la hebrea kun la finaj versoj en romanco: la duaj skribitaj en la araba kaj finaj versoj en romanco.

(3) romanco: a) Vulgara lingvo latinida parolata en ĉiuj landoj de la Romanio post la dismembriĝo de la Romana Imperio kiam ĝi tre diferenciĝis de la origina latina lingvo. Latinida lingvo parolata en Hispanujo.
b) Komponaĵo por kanto kaj piano sub formo de strofoj.(PIV)
c) La plej antikva versformo de la hispana liriko, oksilabaj versoj, el kiuj asonancas la paraj kaj liberas la neparaj.

---

# † SAN JUAN DE LA CRUZ (1542-1591)

Kiel simplaj amantoj de la Poezio, ni ne povas preterlasi la kvarcentan datrevenon de la morto de tiu ĉi granda poeto, sen omaĝi al li per recitado de liaj versoj kaj glosado de kelkaj el liaj multvaloraj meritoj, kiuj tiel pozitive influis multenombrajn hispanajn poetojn.

Johano de la Kruco estis la religia nomo de Juan de Yepes Alvarez. Li naskiĝis en Fontiveros, Avila provinco. Kiam li aĝis 25 jarojn, li konatiĝis kun Tereza de Avila, kaj ambaŭ akordis pri multaj aferoj koncernantaj la renovigon de la religia vivo, kaj pri la decido reformi siajn respektivajn karmelajn ordenojn. Tial ili ambaŭ suferis persekutojn.

Sentema kaj kun alta koncepto pri la dia amo, Johano de la Kruco ĝuis esprimante sian internan senton per la verkado, kiun li rigardis kiel la solan rimedon por dialogi kun Kristo. Rezulte de tiaj dialogoj sub formo de amemaj konfidencoj naskiĝis la mistika poezio de tiu ĉi monaĥo-poeto, kies majstra stilo kombinis la religian simbolismon origine biblian kun la tradicio de humanisma kulturo deveninta el la klasikuloj, kiun li posedis pro sia kleriĝo. Tiuj elementoj,

miksitaj kun certa petrarkismo, kaj la muzika kadenco de liaj versoj, evidente, altiras la legantojn.

La mistikaj pensoj de Johano de la Kruco, surbaze de Tomismaj doktrinoj, estas tiel bele esprimitaj, ke tiu poezio pri dia amo, konsistantan el belegaj simboloj kaj admirindaj alegorioj, legiĝas kvazaŭ temus pri profana amo. Laŭ opinio de Damaso Alonso, talenta erudiciulo pri hispana liriko, oni klare perceptas en tiuj versoj nuancojn de la stilo de Sebastiano de Kordovo.


San Juan de la Cruz.

La esperantista tradukmajstro Fernando de Diego, jam esperantistigis unu el la plej belaj poemoj de Johano de la Kruco "Animo-kanto esprimanta..."; por pli firme substreki la menciitan influon de Sankta Tereza de Avila sur ĉi tiun monaĥon, ankaŭ poezie, mi provis traduki unu el liaj poemoj, kies versoj tre similas al tiuj de Tereza:

## KOPLOJ DE L' ANIMO PENANTA DION VIDI

Vivas mi, sen vivi mem
kaj anhelo tiel fortas
ke mortas mi, ĉar ne mortas.

I

En mi mem mi ne plu vivas,
vivi sen Li mi ne povas;
sen mi kaj Li mi min trovas,
kion vivo ja signifas?
Mortoj mil en mi aktivas
el la viv' al mi konfortas
nur la mort', ĉar ne mi mortas.

II

Vivo kiun mi nun vivas
estas negativa vivo,
sekve daŭra mortodrivo
ĝis Li, kies viv edifas,
jen Di', kiom vi signifas,
ke mi l' vivon ne elportas
kaj mortas mi, ĉar ne mortas.

III

For de vi mi ne eltenas;
kia vivo min atendas
se pri ĝi mi tiom plendas
kaj nur morton mi bonvenas?
Pri mi mem mi abomenas,
sed mi pro persist' bonsortas
kaj mortas mi, ĉar ne mortas.

IV

Kiam fiŝ' elakvigitas,
al ĝi ne konsolo mankas,
ĉar per mort' ĝi nepre dankas
finon kiun ĝi avidas...
Kia mort' egalvalidas
vivon kiu tre malfortas
ju pli vivas mi, pli mortas.

V

Kiam mi konsolon celas
kaj Vin sakramente vidas,
mi fervore pli avidas
ĝui Vin, mi Vin anhelas!;
tio en mi plej duelas
ĉar doloro min elbordas
kaj mortas mi, ĉar ne mortas.

VI

Kaj se mi plezuron sentas,
ho Sinjor',kun la espero
vidi Vin, kaj la sufero
perdi Vin tre min turmentas,
tio timon ja akcentas,
sed l' esper' min tiom fortas
ke mortas mi, ĉar ne mortas.

VII

Mia Di'!, el morto trista
min eligu, donu vivon,
forbaru la perspektivon
pri lig' tiel dolĉ-insista,
do min vidu plej persista
al mi tiom ĝi perfortas
kaj mortas mi, ĉar ne mortas.

VIII

Mian morton mi priploros
kaj la vivon mi bedaŭras,
dum pro pekoj ne plu daŭras
vivo kiu ne min gloros.
Ho Di'! kiam mort' min voros?,
diros mi: jam mi plej fortas!
vivas mi, ĉar ne mi mortas.

Neniu hispana poeto atingis tiel zenitan pinton en la hispana mistika poetiko. La poezio de Johano de la Kruco, riĉa je muzika ritmo kaj altaj pensoj mistikaj, multe influis postajn generaciojn de hispanaj poetoj, kiel tiuj de la nomata "generacio de la 27a". Jen alia el liaj poemoj, tiu ĉi verkita sub la metrika versformo nomata "liro" (strofo kvinversa aŭ sesversa ĉi-kaze: kvar sepsilaboj kaj du dekunusilaboj, en konsonanca rimo abBabB):



AMFLAMO VIVA

Ho, ama flam' invita,
vi kiel mild-ulceras
profunda-kerne min en la animo!
Sed nun, ne plu evita,
enrompu se vi veras
l' am-tolon dolĉ-renkontan en intimo!

Ho, karcer-pun' miela!
Ho, dorlotita vundo!
Ho, mano milda!, tuŝo silk-velura
kun gust' de viv' ĉiela
kaj larĝa grac-abundo!
Promorte, morto iĝas vivo pura.
Ho fajro-lampa lumo
per kies klaraj heloj
la profundaj kavernoj de la senso,
iam en blindo-brumo,
kun strangaj brilaj beloj
apud l' amato varmas kun intenso!
Ho, kia milda spuro
en mia sin' postrestas,
kie sekrete nure vi solsolas!
Kaj via spir-susuro
en bon' kaj glor' majestas
dum vi, ho delikata! min amoras.

Neniu verko de Sankta Johano de la Kruco estis publikigita dum lia vivo, kaj fakte forpasis 27 jaroj ĝis la unua publika apero de tri el liaj poemoj. Preskaŭ ĉiuj verkitaj en la prizono de la monaĥejo de Toledo.

Malfacile eksplikeblas la profunda mistera lirikismo de la versoj de tiu ĉi granda poeto. Post kvar jarcentoj, ili konservas viva la sorĉon kaj ĉarmon de la eterna beleco.

*Antonio Marco Botella*

---

## Integriĝo de Hispanujo en la Eŭropa Komunumo

De ĉiuj eventoj anoncataj por ĉi tiu jaro 1992a, sendube la plej grava kaj transcenda estas la plena integriĝo de nia lando al la Eŭropa Komunumo. Sed por granda parto de la hispanoj, la kerno de ĉio troviĝas en la jena demando: Kio okazos post la jaro 1992a?. Neniu kapablos ĝin respondi sen timo erari. Neniu scias, kio ĝuste okazos, sed ĝenerale la hispanoj sin sentas optimismaj. Precipe pro la fakto, ke se ni, nia hispana socio malsanas, tiu malsano ankaŭ trafos la aliajn. Do, la kuracado ne dependos rekte de ni sed de ĉiuj. Ĉi tiu vidpunkto trankviligas multajn hispanojn.

Persone mi opinias, ke kiam ekzistas interkonsentoj, kiam la homoj unuigas sin por plibonigi sian socion, sian vivon, nepre oni devas taksi bonvena tiun projekton. Kaj mi senhezite diras, se tiu Eŭropa unuiĝo donos al ni, kiel oni promesas hodiaŭ, plian feliĉon, nepre ni diru: vivu la Eŭropa Komunumo!. Iu faktoro faras min konsideri la Eŭropan unuiĝon ege bona. Nu mi pensas ke, dum la unueco funkcios, malaperos por ĉiam la militoj inter la eŭropaj landoj. Do, se la Eŭropa Komunumo jam alportas al ni la ne plua ekzisto de militoj, ĉiu devas kompreni, ke la situacio estas nediskuteble avantaĝa, kaj eĉ nekredebla nur antaŭ kvindek jaroj.



Vole nevole oni devas scii kaj diri, ke la unuiĝo baziĝas sur tri gravaj pilieroj: la ekonomio, la politiko kaj la kunvivado inter la diversaj gentoj aŭ etnoj de la bonveninda nova Eŭropo. Verŝajne, ĉi tiu unuiĝo estas kvazaŭ nepra devigo aŭ neceso pro la internacia ekonomia situacio. Estas konate, ke du potencoj, Usono kaj Japanujo regas la ekonomion en la mondo. Ankaŭ la kapablo de Eŭropo en tiu kampo estas forta, fortega, sed mankas en ĝi unueco. Evidente la kleraj mensoj de nia malnova kontinento tuj diris jes, sed mankas al ni kunagado de ĉiuj niaj landoj; do, tiucele oni jam laboras de antaŭ kelkaj jaroj, sed nova fazo ja komenciĝas, kaj sendube 1992a estas la fino de periodo kaj komenco de alia.

Kiun rolon ludos Hispanio en ĉi tiu grava Eŭropa evento? Kiel ni povos aktive partopreni en la starigo de la nova Eŭropo? Se vi prezentas tiujn demandojn al la terkulturistoj, ili plendas asertante ke ĝi estos la fino de la hispana agrikulturo. Ili diras: ni povos vendi nur oleon kaj oranĝojn.

Se vi same demandas al industriistoj, la respondo iras samdirekte: neniel ni povos konkurenci kun la industrio de iuj tradicie industriaj landoj de la Komunumo, sed eventuala solvo de la problemo jam estas la interkonsento kun eksterlandaj industriaj monopoloj. Tio evidente evitos, ke eventuala fiasko en tiu kampo estu tro dolora. Tamen se ni hispanoj inteligente agus, ni povus fari nian landon la paradizo de Eŭropo, ĉar ni povus plene okupi nin pri turismo, en kiu tereno apenaŭ ni havas rivalojn. Fakte, ni devas alkutimiĝi pensi laŭ konceptoj ne plu lokaj sed internaciaj. En tiu ĉi grava punkto de la ekonomio estas projekto, kiu ne plene plaĉas al mi: temas pri la malapero de ĉiu ŝtata

monopolo, kio dirite alimaniere signifas, ke la tuta ekonomia forto kuŝos en privataj manoj...




Poste venos projekto pri politika unuiĝo. Tio signifas, ke en ĉiuj landeroj de la nova Eŭropo devos regi sama politika sistemo. Vi jam scias, ke hodiaŭ tiu parto el la tuto estigas gravajn kaj seriozajn diskutojn al niaj regantoj, kiuj laboreme metas la fundamentojn por la, redire, nova Eŭropo. Nu, jen mi plene optimisma en tiu aspekto. La motivo estas tute komprenebla. Ĉiuj registaroj, aŭ ĉiuj reĝimoj de la unuiĝantaj landoj estas preskaŭ egalaj, ĉiuj, pli-malpli havas saman koloron, ĉiuj akceptas saman filozofion de ekonomia vidpunkto. Do, laŭ mia opinio, tiu problemo forestas.

Interne jam de la problemo, vere grava kaj danĝera estas la naciismo ekzistanta en ĉiu aliĝanta lando.

Se vi atente analizas la problemon, vi konstatos, ke ĉiu registara respondeculo de kiu ajn lando de la Komunumo kutime diras:"nia registaro", "nia lando", kaj kiam la temo komplikiĝas ili diras:"nome de nia popolo". Tio estas vera arbitra manipulo de la realo tute ne aprobinda. Malgraŭ tio mi estas optimisma tiurilate kaj fidas, ke niaj lertaj politikistoj scios transsalti tiun barieron. Tute intence mi diras transsalti, ĉar mi timas, ke post la unuiĝo restos tiuj naciismoj interne de la Komunumo. Nepre, la estonta individuo de la nova Eŭropo devos ŝanĝi sian lokan pensomanieron aŭ, post kelkaj jaroj, la Eŭropa Unuiĝo katastrofe malsukcesos. Tio tute simple signifas, ke la estonta eŭropano devas sin liberigi de multaj el siaj tradiciaj pensoinklinoj, kontraŭe aperos ene de la Komunumo certaj tajfoj[1], kiuj neeviteble rompos la unuiĝon kaj, kun ĝi, la Komunumon. Ĝis hodiaŭ la homo montriĝis kiel la plej stulta besto en la naturo: ni ne kapablas harmonie kunvivadi kiel estaĵoj kun similaj aspiroj kaj bezonoj. Ni mortigas unu la alian, ni eksplodigas militojn kaj eĉ, plej grave, ni detruas la naturon. Se la estonta membro de la Komunumo ne kapablos superi tiujn menciitajn erarojn, de nun mi konsideras, ke la Eŭropa Komunumo povas esti unu el la plej grandaj fiaskoj de la homaro.

Kaj restas la tria punkto, la socia. Kio okazos en la nova Eŭropo? Ĉu ankoraŭ restos la nunaj sociaj diskriminacioj?; ĉu ni starigos pli justan socion?. Ĉu interne de la Komunumo kunekzistos riĉaj kaj malriĉaj regionoj?. Se jes, al kiu el tiuj regionoj apartenos Hispanio? Ĉu la monopoloj estos fakte la veraj mastroj kaj sinjoroj de la lando? Ne sufiĉas diri, ke devas ekzisti la ebleco de translokiĝo, ĉar vere gravas, ke ĉiu el ni povos vivi en la loko plej dezirata.



En salono oni povas interkonsenti pri la kampoj industria kaj agrokultura, sed se tiu interkonsento mankus en la realo, gravas ke ni akiru la kapablon necesan por pace superi ĉian baron kaj harmoniigi ĉies interesojn, kontraŭe la Komunumo fiaskos. Do ni diru ke ĉio dependos de la korekta evoluado de la eŭropa civitano sur la vojo de la homa digno. Fakte oni devus forgesi kie ĉiu el ni naskiĝis por adapti nin konvene al novaj cirkonstancoj. Permesu al mi aldoni, kiel la ceteraj esperantistoj, ke la Eŭropa Komunumo naskiĝas en la plej granda konfuzo rilate lingvojn. Kelkaj lingvoj deziras regi la aliajn, kaj tio kreas gravan malkontenton. Ĉiu eŭropa lingvo apartenanta al la Komunumo celas hegemonion, kvankam evidente iuj el tiuj lingvoj havas nenian ŝancon. Al la menciita naciisma danĝero do aldoniĝas tiu pri la lingvo.Ambaŭ enhavas sufiĉan dinamiton por eksplodigi la Komunumon.

Ni, esperantistoj, bone konas la solvon. Tamen se al tiuj sinjoroj, nunaj regantoj, kiuj hodiaŭ metas la fundamentojn de Eŭropo, ne plaĉas Esperanto mi diras, ke ili inventu alian lingvon, sed neniel ili konstruu la NOVAN EUROPON, laŭ la modelo de la malnova Babelo-turo.

*Luis Serrano Pérez*

Tajfo: (el la araba täifa=ribelanto, ribelteritorio) Oni nomas tajfo-regno la teritoriojn naskiĝintajn en Al-Andalus post la intercivitana milito okazinta en 1009-1031, kiuj anstataŭis la kordovan kalifejon, ĉiu regata de propra reĝo.






# FINANCA STRATEGIO POR
# «FUNDACION ESPERANTO»



**La movado sen groŝo en la poŝo**

La komencaj esperoj rilate al la financoj de «FUNDACION ESPERANTO» ankoraŭ ne realiĝis. Ni opinias ke tio ja eĉ bremsis la agadon, la iluziojn kaj la revojn de multaj esperantistoj rilate al la kapabloj kaj eblecoj de «FUNDACION ESPERANTO».

La heredaĵo de gesinjoroj Casanovas-Ferrándiz ne estas distribuita. Post pli ol du jardekoj, ĝi restas ankoraŭ sub jura proceduro, kaj ni daŭre esperas ke tribunala findecido okazu. Tamen la tuta afero postulis multajn zorgojn kaj, malgraŭ la senkosta partopreno en la tuta jura procezo, plurajn elspezojn sindone pagitajn de respondecaj patronoj el Zaragoza.

Alia signifa espero/investo de «FUNDACION ESPERANTO» estis la gravega eldono de *Don Kiĥoto*. Nur samideana malavareco ebligis unue akiri la manuskripton kaj poste ĝin eldoni. Bedaŭrinde, la eldonkvanto estis tiel granda por la movadaj eblecoj, ke nun ĝi estas ne nur grava havaĵo, sed samtempe serioza problemo kaŭze de la ekzistanta stoko.

Dume, la financaj rimedoj atingitaj ne estis ĝenerale por la kapitalo, sed por unufoja premio. Tio signifas ke homo iniciatas premion kiun li/ŝi ĉiujare pagas, sed kies pluekzistado ne estas certigita. Krom la fonda kapitalo, nur la premio Sancho-Rebullida ricevis certan kapitalan donacon. Tamen, pro inflacio, ĝi estas nun relative malgrava.

Fiksi financan strategion postulas la kreon de strukturo kiu faciligu la donaco-celojn de la esperantistaro. Tio ne povas limigi la eventualajn starigon de pliaj plurfojaj aŭ unuopaj premioj. Sed, nia ĉefa celo estas atingi kapitalajn donacojn kiuj certigu solidan financan bazon por funkciado.

Sendube unu el la celoj de «FUNDACION ESPERANTO» devas esti la helpo al la surloka agado, kaj al la klopodoj de HEF. Lige al tio la Asociación Cántabra prezentis proponon al «FUNDACION ESPERANTO» por starigo de Fondaĵo por la Disvastigo de Esperanto. Laŭ la origina ideo, ĉi Fondaĵo devus konsisti el 54 apartaj kontoj: 50 provincaj, kaj po unu ŝtata, sideja, gazetara kaj junulara.

Kompreneble, «FUNDACION ESPERANTO» administrus ĉiujn kontojn, eĉ tiujn for de ĉi Fondaĵo, kune kiel ununura kapitalo, sed ĝi devus plenumi la koncernajn kalkulojn por proporcie distribui la atingitajn rentojn. La moderna teknologio grave, kaj ne komplike, povas helpi al solvado de tiu administra afero.

La kulturan flankon de la Fondaĵo ni traktos en aparta ĉapitro. Tamen estu nepre klare ke, sen solida financa bazo, tute ne havas sencon paroli pri la disvolvado de kultura programo. Ni do proponas la starigon de 54 kontoj. Kial? Nur pro la jam de longe pruvita fakto, ke estas pli facile atingi donacojn por iu konkreta kaj proksima celo ol por io abstrakta kaj ĝenerala. Cetere, en plej multaj provincoj ekzistas nur unu esperanta societo. Do, helpi la funkciadon de tiuj societoj devas esti unu el niaj prioritataj celoj. Tamen, niaj kapitalaj rimedoj ne venas el la ĉielo, nek el iu(j) grava(j) firmao(j). Male, ili devas veni el la poŝo de la esperanta komunumo. Tio ja supozigas la fakton, ke eble aktiva societo povus ricevi nenion, dum alia malpli agema ricevus la helpon de «FUNDACION ESPERANTO», ĉar la afero dependas de la samideana donacemo. Ankaŭ antaŭvideblas problemoj rilate al la lokoj kie ne funkcias E-societoj. Ni do proponas solidaran distribuon de la rentoj, tiel ke parto de ili estos por kapitaligo de ĉiu provinco samkvante. Kompreneble ĉio ĉi, tute taŭga el ideala vidpunkto, povos funkcii nur kiam la jaraj rentoj atingu signifan valoron. La celo klara: plialtigi la kapitalon. Nia movado nepre bezonas kapitalon, ĉar la jaraj monrimedoj montriĝas ne sufiĉaj kaj ni ne devas uzi en unu solan jaron eventualan gravan donacon. Ni devas esti kapablaj certigi difinitan minimuman kvanton ĉiujare, tiel ke la E-movado en nia lando akiru la necesan stabilecon kaj ĉiu serioza planado povu racie plenumiĝi.

Cele do al atingo de grava kapitalo, ni elpensis kaj nun proponas diversajn formulojn por transdono de societa mono al «FUNDACION ESPERANTO», kun la certeco ke la atingota rento venu al provinca distribuo. Do, notu ke tiamaniere oni helpas sin mem kaj la movadon. Ofte, societoj aranĝas kurso(j)n, kial ne postuli difinitan pagon pro enskribiĝo kaj transdoni tiun monon -tute aŭ parte- al «FUNDACION ESPERANTO»? Aliaj aranĝoj, kiaj disvendado de nacia loturno, bankedoj aŭ kunvenoj povas taŭgi por kolekti monon kun simila celo. La nacia kongreso povus provizi monon kaj por koncerna provinca konto kaj por ŝtata konto, se Loka Kongresa Komitato kaj HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO rezignus parton el la eventuala profito por tiuj celoj. Alia ebleco por HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO estas la libroserva profito. Do, notu ke ni mencias ĉiam ne ordinarajn fontojn por kontribui al solidigo de la financoj de «FUNDACION ESPERANTO».



Ĝenerale oni mense ligas la nomon de ajna Fonduso kun multmiliona kapitalo. Sed, tio estas vero nur en tre maloftaj kazoj, kvankam sendube la plej konataj. «FUNDACION ESPERANTO» naskiĝis fakte sen kapitalo kaj donacoj venis nur malofte kaj kun difinita celo. Do, estas ni ĉiuj , ni mem, kiuj devas fortikigi kaj solidi ĝian financan bazon. Memoru, ke nur tiam «FUNDACION ESPERANTO» kapablos plenumi sian kulturan programon, progresigi la agadon por Esperanto kaj helpi ties disvastigon. Nu, resume, ni petas vian financan apogon por via «FUNDACION ESPERANTO».

*Juan Azcúenaga*

---

## HEF
## Centra Oficejo

La materiaj decigo kaj modernigo baldaŭ finiĝos kaj feliĉe jam ebligas organizadan kaj antaŭpublikan agadojn.

La informa, instrua, librovenda kaj turisma servoj zorge kaj malfuŝe organizatas.

Esperige kaj sukcese komenciĝis la unua paga kurso, kiun baldaŭ sekvos aliaj.

La financaj aferoj plu plej klare kaj malĥaose kontrolatas. Post jaroj da almozado, la oficejo ekvivtenas sin mem graŭ la jam dece oferteblaj kulturaj seriozaj servoj alpublike planitaj kaj organizataj.

Ni preparas detalajn 1991an kompletan bilancon kaj 1992an buĝeton prezentotajn al HEF-estraro, kun fina raporto pri la plenumitaj jarplaneroj, kaj nova 1993a jarplano por la nepra profundigo kaj plibonkvalitigo de la ĝisnunaj atingoj.

Ni volas publike danki la ĝisnunajn financajn aŭ laborajn apogintojn, sen kiuj ne eblintus la realigado de la projekto, tre speciale sinjoron Gerardo Flores, kiu, jam longe kaj multe farinte por la oficejo, plu pruntpagis la 1991ajn elektro- kaj telefon-koston; tiun ŝuldon la oficejo baldaŭ povos al li tute pagi, sed ni ĉiuj ĉiam ŝuldos al li pro liaj malavareco, komprenemo kaj apogo, kiuj estas por la nunaj junuloj inda ekzemplo de dediĉo al nia komuna celo.

*Teamo priresponsa la ĝeneralan modernigon de HEF-oficejo*

---

## Fundación Esperanto
### transdonis premion al ESTO

La Patronaro de FUNDACIÓN ESPERANTO, en kunsido okazinta en Zaragoza la 23-an de novembro, akceptis transdoni al *SOCIEDAD ESPERANTISTA DE TENERIFE "ESTO"* la sumon de 25.000 pesetoj por la disvastigo de Esperanto en Tenerife».

# Fundación Esperanto

## INTERNACIA LITERATURA KONKURSO

La patronaro de la "Fundación Esperanto" decidis dum kunsido okazinta la 15-an de junio de 1991-a organizi Internacian Literaturan Konkurson en Esperanto. Estos premio kaj subpremio.

## PREMIO "SANCHO-REBULLIDA"

Premio: 12.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio: 6.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj verkoj libervole elektitaj en la temo: "Popola Rakonto".

## REGULARO

1) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 4-6 foliojn.
2) Ĉiu konkursanto sendu kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: "Konkurso de **Fundación Esperanto**, premio Sancho-Rebullida".
3) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kaj en aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30-an de septembro 1992-a. La Verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1992-a.
6) Oni sendu la tekstojn al S-ro Enrique Piquero, Morería, 6, 5° D, 50004 Zaragoza / Hispanio.

Zaragoza la 15-an de junio de 1991-a

Enrique Piquero
Sekretario de la **Fundación Esperanto** kaj de la konkurso




# Esperanto en ĉiu publika biblioteko danke al Don Quijote

*LA KAMPANJO*

FUNDACIÓN ESPERANTO alfrontas novan defion kaj organizas kampanjon por ke, en ĉiu publika biblioteko de Hispanio, ekzistu almenaŭ unu ekzemplero de la majstra verko Don Kiĥoto, en Esperanto.

*DAŬRO DE LA KAMPANJO*

Ĉi kampanjo daŭros ĝis la fino de novembro de 1992. Post tiu dato, FUNDACIÓN ESPERANTO detale informos pri la donaco la Ministerion pri Kulturo kaj la landan gazetaron, kaj en la 15-a de decembro (Zamenhof-tago) transdonos la kompletan donacon al la elektitaj bibliotekoj.

*ĈIU POVAS KUNLABORI*

Ĉiu esperanta grupo, aŭ eĉ unuopa esperantisto, povas kunlabori jen per akiro de unu ekzemplero por la publika biblioteko de sia urbo aŭ vilaĝo, jen per laŭvola donaco tiucele.

*ANKAŬ FUNDACIÓN ESPERANTO KONTRIBUOS*

Unu ekzemplero de Don Kiĥoto kostas nun 4.000 ptojn, sed FUNDACIÓN ESPERANTO speciale kunlaboros en la kampanjo subvenciante per 1.000 ptoj ĉiun donacotan volumon.

Informu pri via deziro kunlabori al: Fundación Esperanto / San Vicente Paul 1, 1° / 50001 Zaragoza

---




# ESPERANTISTA UNESKO-ASOCIO FONDIĜIS

Dum la Universala kongreso en Bergen fondiĝis nova internacia asocio kun la nomo" **Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo"** (mallonge: Monda Kunanagado).

Ĉirkaŭ 60 personoj partoprenis la fondkunvenon, diskutis la statuton kaj elektis konsilantaron kiel gvidorganon de la asocio.

Monda Kunagado celas agi per propraj interesaj projektoj sur la kampoj de edukado, scienco kaj kulturo, perante la ideojn de paco kaj internacia interkompreniĝo, kongrue kun la celoj kaj idealoj de UNESKO kaj kunlabore kun ĝi.

Ĝi subtenas la starigon de kontaktoj inter UNESKO kaj la Esperanto-Movado. Tiucele ĝi kontaktis la Unesko-Sekretariaton, kiu sendis salutmesaĝon al la fondkunveno. En sia mesaĝo al la UK, ankaŭ la Ĝenerala Sekretario de Unesko, F.Mayor, aparte bonvenigis la fondon de esperantista Unesko-Asocio.

Por publikigi siajn ideojn kaj projektojn, Monda Kunagado eldonas la revuon "Monda Forumo", kies provnumeron ĉiu kongresano trovis inter siaj kongresaj dokumentoj. Unuaj projektoj estas preparataj kaj celas i.a. informadon pri la Monda Jardeko de Kultura Evoluigo, la aplikon de scioj kaj talentoj de esperantistoj por eduki unu la alian, kaj la starigon de subtenaj internaciaj individuaj kontaktoj helpe de la publikigo de vivprotokoloj el ĉiuj mondpartoj.

La kvin elektitaj konsilantoj estas Märtha Andréasson (S), Ulrich Becker (D), Eva Bojaĝieva (BG), Mark Fettes (NL) kaj Lev Medvedev (SU).

Kiu ŝatas kunlabori, ricevi aliĝilon aŭ ekzempleron de "Monda Forumo" kaj la statuton, informojn pri la projektoj de Monda Kunagado, aŭ iel ajn kontribui al ĝi, skribu al:

*Ulrich Becker*
Küstriner Str., 3
D-O-1092.BERLIN (G)




## REKOMENDO DE LA MERIDA OKK

Tial ke al Merido jam alfluas hotelaj rezervopetoj por EXPO-92, la OKK de Merido avertas antaŭmendi *jam nun* rezervolokon en hotelo. Jen listo de hoteloj kun prezoj:

**Hotel NOVA ROMA.***:** Unu el la plej modernaj, en la centro mem, 150 m. for de la kongresejo.Telefono: (924) 31-12-61.
2 personoj, ĉ + banejo, TV, matenmanĝo 9.400
1 persono, ĉ + banejo, TV, matenmanĝo 6.700

**Hotel Lusitania.**:** Proksimume 200 m. for de la Kongresejo. Telefono: (924) 31-61-12.
2 personoj, ĉ + banejo, TV, matenmanĝo 7.750
1 persono, ĉ + banejo, TV, matenmanĝo . 5.050

**Hotel Zeus.**:** Proksimume 200 m. for de la kongresejo. Telefono: (924) 31-83-00.
2 personoj, ĉ + banejo, TV, matenmanĝo . 6.900
1 persono, ĉ + banejo, TV, matenmanĝo . 5.300

**Hotel Cervantes.**:** Proksimume 150 m. for de la kongresejo.Telefono: (924) 31.49.61.
4 personoj, ĉambro + banejo, TV . . . . . 11.660
3 personoj, ĉ + banejo, TV . . . . . . . . 10.070
2 personoj, ĉ + banejo, TV . . . . . . . . . 8.480
1 persono, ĉ + banejo, TV . . . . . . . . . . .5.300

**Hotel Puente.-** Proksimume 500 m. for de la kongresejo.Proksima bushaltejo. Telefono: (924) 31.11.13.
3 personoj, ĉ + banejo,TV, matenmanĝo . 3.800
2 personoj, ĉ + banejo,TV, matenmanĝo . 3.000
2 personoj, ĉ. sen banejo, matenmanĝo . . . 2.700

**Hostal Bueno.-** Proksimume 250 m. for de la kongresejo. Tlfono: (924) 31.10.13.
3 personoj, ĉ + banejo . . . . . . . . . . . . 4.500
2 personoj, ĉ + banejo . . . . . . . . . . . . 3.500
1 persono, ĉ + banejo . . . . . . . . . . . . . 1.900

La rezervontoj devas antaŭpagi 50% de la loĝado. Monsendoj: 52a Hispana Kongreso de Esperanto; konto num. 086.07.002939.1de **Caja de Ahorros de Extremadura.** E-06800 MERIDA.

La prezoj estas en ptoj/tage. Atentu ke, oni povas mem fari la rezervojn.

O.K.K.

